AE215

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 02/05/2015 Ducent dekkvina eldono 02/05/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero. (per tio al la mondo)**

# 68. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Kelkaj eraroj korektindaj. A.

"Korekti" signifas "ĝustigi ion kio estas erara". "Korekta" signifas "korektita" aŭ "ĝustigita". Do io estas korekta nur, se ĝi estis antaŭe malĝusta. La angla "correct" ne signifas korektita, sed ĝusta. Se vi do volas diri en Esperanto, ke io estas ĝusta, vi ne povas diri ke tio estas korekta, korektita, ĝustigita. Vi en Esperanto povas kaj devas nur uzi la vorton "ĝusta", ĉar la vorto "korekta" inkluzivas, ke ĝi antaŭe estis malĝusta, do korektenda, kio plej ofte ne estas la kazo. Bonestu ne angligi Esperanton per la malĝusta uzo de "korekta" anstataŭ la ĝusta vorto "ĝusta". Kaj kial ni bezonas du vortojn por unu signifo?

Notu ke prepozicio ne kapablas difini adjektivojn, sed nur substantivojn kaj adverbojn kaj infinitivojn. Ĉar la artikolo "la" funkcias kiel adjektivo, vi diras monstraĵon se vi diras "Ĝis la." (kiel oni povas en la greka). Ne volante polucii Esperanton, vi diru "Ĝis ni reos" aŭ "Ĝis reo".

Marcel Leereveld.

# Esperanto-Domo Sidnejo

La 3an de majo 2015 okazos la venonta kunveno.
Aferkunveno je la 11atm kaj lunĉo ktp je la 1ptm.
★★★★



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
★★★★

## Andy Rosenbaum (Andreo) vizitis Esperanto-Domon



*Pedro Andy Richard Dmitry*



Dimanĉe la 26an de aprilo vespere Esperantisto el Usono Andy Rosenbaum (Andreo) vizitis Esperanto-Domon por renkonti lokajn Esperantistojn. Riĉardo, Pedro kaj Dmitrij partoprenis la renkontiĝon. Malgranda prelego pri la Esperanto-Domo estis farita por nia gasto. Andreo iomete prelegis pri sia E-vivo. Riĉardo filmis la renkontiĝon por sia videa blogo. Poste ni kune vespermanĝis je tajlanda restoracio. Do, tio estis tre amuza kunveno. Ĉiam interese renkonti eksterlandajn samideanojn. Sendis Dmitry Lushnikov

★★★★

Jen filmeto kun la usona gasto.

https://www.youtube.com/watch?v=SD1G3czzT6w

Amike, Nicole





Saluton Roger,
Mi esperas, ke ĉio bonas ĉe vi. Dankon denove pro via helpo dum mia vizito al Sidnejo.
Mi pasigis tre bonan tempon tie.
Mi volas informi vin, ke fine, mi ne restis ĉe Esperanto-Domo. Mi ja renkontiĝis tie kun Dmitrij, Riĉardo, kaj Pedro, kaj ni ĝuis belegan vesperon tie. Sed post tio, mi restis ĉe hotelo en Sidnejo.
Do, verŝajne ne necesas al vi fari specialan vojaĝon al la Domo por ekz. forpreni littukojn. :)
Dankon denove, kaj ĝis la venonta fojo, eble ni renkontiĝos real-vive iam en la estonteco!
Amike, Andreo



# La Melburna Esperanto-Klubo



kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

'Pasintan lundon la Melburna Esperanto-klubo renkontiĝis por vidi la filmon :"La Giganta Araneo". Estis la dua filmo en nia programo de unu filmo ĉiun monaton. La unua estis "La Inkubo" kaj la venonta estos "La Lunaj Zombioj".
Ni bonvenigis Paul kaj Eddie DeSailly kiuj vizitis nin en Melburno.



Kompreneble pufmaizo (popcorn) kaj trinkaĵetoj estis konsumitaj dum la filmoj!
Heather Heldzingen

# Esperantistoj el Toowoomba, Brisbano kaj Moreton Golfo Regiono



Tiu foto montras Esperantistojn el Toowoomba, Brisbano kaj Moreton Golfo-Regiono kiuj kunvenas en Coomera , hejmurbo de estimata Esperantisto Tom O'Grady.
Ni havis normalajn monatajn kunvenojn de Toowoomba & Brisbana Esperanto-Societo; poste konversacio, amuzo, refreŝigaĵoj.
Sendis Peter Danzer

# mi-kredas-je-la-bono-mi-kredas-je-esperanto




https://soundcloud.com/luis-jorge-santos-morales/mi-kredas-je-la-bono-mi-kredas-je-esperanto-de-claude-piron
Jen grava teksto de Claude Piron laŭtlegata de Esperantisto el Kolombio. Oni povas legi la tekston kaj samtempe aŭskulti.
Amike, Nicole

# Brizbana 'KAFKLUBO'



**Karaj,**

**esperebleble vi amas mian foton.**

**La foto montras la novajn Esperantistojn Johano Gold kaj Sofia Syros en Brizbana 'KAFKLUBO' kunveno apud biblioteko post nia monata Societo kunveno.**

**Amike, Petro Danzer**

# La 23an de aprilo okazis Hobart language day kaj Esperanto ja estas menciita.




http://www.abc.net.au/news/2015-04-23/inaugural-hobart-language-day-celebrates-linguistic-diversity/6414390 Amike, Nicole

# Jutubaj filmetoj



Jen filmeto de Richard pri Herzberg en Germanio.
https://www.youtube.com/watch?v=66pjYD_n1G4

★★★★

## Kiel mi Esperantistiĝis

Jen filmeto de Richard Delamore en Esperanto
https://www.youtube.com/watch?v=UU0TCz9DwXs



★★★★

Kaj mia filmeto kun bildoj kaj filmo de la urbestro de Herzberg kiu parolas en Esperanto.
https://www.youtube.com/watch?v=bSU1rdhePEI
Amike, Nicole

# Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

## ESPERANTO-RADIOREKLAMO - DUM 6,5 HOROJ...!

Ekde la 17-a de januaro 2015, dum 4 semajnoj, 2140 foje denove sonos 11-sekunda radioreklamo pri Esperanto en 34 hungariaj radiostacioj!




Populareco de Esperanto ankaŭ en Hungario ne venas per si mem, "iu" devas zorgi pri ĝia konscia kaj sistemeca diskonigo, reklamado. Laŭ la spertoj de la pasintjara kampanjo ni denove lanĉis reklamkampanjon en lokaj radiostacioj, kie la sumigita elsendotempo estas (2140*11 sek) 392 min, alivorte 6,5 horojn – kiu laŭ mia scio signas iun mondan rekordon en Esperantujo...

Kompiladon de la radiostacia listo ni faris tiel, ke la kampanjon partoprenu ĉefe malgrandaj, lokaj stacioj, kiuj atingas personojn, interesiĝantajn pri loka socia vivo en ne-grandaj urboj kaj urbetoj – kie esperеble reklama bruo de amaskomunikiloj estas malpli intensa...

**(Traduko: Por havi lingvoekzamenon aŭ krompoentojn por la universitata enira ekzameno plej rapide oni povas lerni la lingvon Esperanto. Provu ankaŭ vi la interretan kurson pri Esperanto: www.esperanto.hu -- www.esperanto.hu )**

**László Szilvási, Lingvo-Studio, L.S. www.eventoj.hu**

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

### 2015-04-30 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (19/03/2015) ĉeestis:
Indrani, Joanne, Jonathan kaj Sandor kaj Ilia el Indonezio kaj Bradley el NZ.

La ĉefa tagordpunkto estis nia

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**
**23 – 28 Marto 2016**

Ni diskutis nian proponitan flugfolion. Ni estis kontentaj kun  tio, kion prezentis Joanne.
Ni proponis kelkajn malgrandajn ŝanĝojn.
Ni vere volas ke ĝi estu preta antaŭ la UK en Lille.

Kiu(j)n ni invitu? Ni akceptis ke ni preferu homo(j)n el Azio. Ni ankaŭ povas inviti du.
Do, ni serĉas "gravulon" kaj "artiston" el Azio.
Ni vere volas fari decidon dum la venonta Skype kunveno (21-a de majo). Bv proponi.

*** Informo pri AEA ĉe UEA**
Jonathan trovis kelkajn erarojn kaj informis nin ke li korektos ilin.

*** ESK**
Ĉar Joanne iros al Eŭropo por partopreni la UK-on, la septembra numero estos iom malfrua.
Bonvolu kontribui artikolojn.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 21-an de majo 2015, je la 19:00 (18:30)
Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

---

# 3ZZZ Melburno



# Eĥo de 3ZZZ



Ĉu vi ĉeestos la Universalan kongreson en Lille? La tuta programo ankoraŭ ne estas konata, sed eble unu el ĝiaj eroj estos la spektaklo "Karakalo" . Pri kio temas? Aŭskultu  Flora Markov, unu el la aktoroj, intervjuita de Franciska Toubale en la elsendo de la 27a de aprilo 2015 de la Esperanto-programo en 3ZZZ.



Ĝi aŭskulteblas en la retejo de la radio ĝis la 4a de majo www.3ZZZ.com.au aŭ en la arkivejo www.esperanto.com.au kiam ajn vi deziras.  Ĝuu la aŭskultadon.
La kunvokanto por la Esperanto-programo, Franciska Toubale

# La dua surpriza vizito de Osla Universitata Lektoro DR.PR. Stop-Bowitz 13-9-1983

Mi ricevis leteron el Norvegio de profesoro STOP-BOWITZ, KARLO de OSLO Universitata zoologia fako. Li venos al Sidnejo por monda konferenco de zoologio pri marvermoj.
Li interesiĝis pri gigantaj ter-vermoj, pri kiuj oni prelegis en universitato. Li neniam vidis vivantajn tervermojn. Li sciis ke ili ekzistas en Aŭstralio en Viktorio en Gipslando. En sia letero li petis ke mi trovu la lokon de tiaj vermoj. Li deziris vidi tiujn vivantajn, kaj almenaŭ kunporti unu vermon kun si al Oslo.
Granda problemo, mi jam ricevadis strangajn petojn kiel delegito de UEA. Mi neniam aŭdis pri gigantaj vermoj. Kion fari ? Mi unue telefonis al mia bofilo Terrenc (Terry), mi demandis lin ĉu li scias pri gigantaj vermoj? Li respondis kial vi interesiĝas? Mi klarigis la situacion de la letero. Terry diris kontaktu la muzeon en Viktorio, ili certe havas ion. Nun komenciĝas miaj kontaktoj. Unue estas Herberto Koppel. Li respondis ke li ne scias, do ni telefonis la muzeon. Mi klarigis la tuton kaj ili sendis broŝureton pri gigantaj vermoj kaj la loko kie ili troviĝas. Ĉifoje mi trovis iun Esperantiston de tiu regiono, por ke ili aranĝu renkontiĝon kaj li gvidu nin al tiu loko. Hazarde tie estas persono kiu estas ĉefo en la Gipslanda regiono.
Post semajno, li telefonis ke s-ro profesoro venos post du tagoj. Mi atendis lin ĉe la flughaveno. Intertempe ni organizis specialan kunvenon de kelkaj personoj ĉe la domo de IZABEL (de savarmeo) esperantistino kiu loĝis en Mt Waverly.

(Daŭrigota en AE206) Sendis Svetislav Kanachki

# Letero de Svetislav

Ricevinte de Franciska A.E. No. 214 kaj leginte ĝin mi trovis la parton senditan de mi, dankon pri tio. Dankon ankaŭ pro la korektado de la vorto lapelo al la vorto roverso. Ĝi estas ĝusta por la ĝenerala senco de brusta refaldo laŭ PIV. La vorto kiun mi serĉas estas por la speciala parto de jako kie estis la verda stelo, Esperanta emblemo, kiun stevardo rimarkis servante la pasaĝerojn en aviadilo. Mi ne trovis, la sola vorto kiu troveblas estas faldo. Mia profesio estas TAJLORO. Ekde kiam mi estis 14 jara mia sola laboro estas tio. La roverso vere ne donas ĝustan parton de la jako. Mi ne havas fakan vortaron. Ĉu iu povas sciigi min, por mia estonta uzo.
Dankon.
Mi jam kontrolis vortarojn : PIV. Konciza vortaro, Franca, Itala, Kroata, Angla, kaj malnova EDWARD A.MILLIDGE <F.B.E.A. Svetislav kanaĉki stevskank@hotmail.com

# Kalendaro kun laŭtema bildvortaro 2014




**FLUGHAVENO**

1. aviadilo/aeroplano
2. elirpordego
3. pasporto
4. piloto
5. stevardino
6. bagaĝbendo
7. bagaĝĉareto
8. enirpermesilo
9. aerodromo
10. doganejo

Lingolía
SIMPLE PLI BONE EN LINGVOJ
WWW.LINGOLIA.COM

Kalendaro kun laŭtema bildvortaro por lernantoj de Esperanto: Enhavas 12 malsamajn bildojn Unu por ĉiu monato de la jaro 2014

http://s3-eu-west-1.amazonaws.com/lingolia/calendar/2014/lingolia_2014_eo.pdf
"Szilvasi Laszlo / Lingvo-Studio

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Vi nur bezonas 5 minutojn ĉiun tagon por tiu programo. ☺ ★★★

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Ankaŭ la „Facila Vento“ helpos vin Esperantiĝi

# ”Facila Vento“ portos vin al Esperantujo

http://facila.org/ trovis Roger Springer




## Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 186 | 187 | 188 | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ |
| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 |

“Informu AE, se estas eraro en la listo” rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas